2.ª Ep. AÑO III, N.º 11 (147) ENERO - FEBRERO 1965

# Boletín

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

# PALENCIA "ĈIAM APERTA" NIA KONGRESURBO POR 1965



Palencia, unu el la plej antikvaj urboj el Hispanio, estos scenejo por la ĉijara Kongreso de Esperanto.

En la bildo, rivero Carrión fluas trankvile sub "Fuentecillas"

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA**

Direktoro: Domingo Martínez Benavente

Redakcia Komitato:

Angel Salete
Nicolás L. Escartín
Emilio Gastón

ADRESOJ:

Hispana Esperanto Federacio
Prezidanto:
Dro. Miguel Sancho Izquierdo
Str. Torre Nueva, 30, 1.°
ZARAGOZA

Ĝenerala korespondado:

Sekretariino:
Inés Gastón
P.° Marina Moreno, 35, 4.° Dcha.
ZARAGOZA

Monsendoj:

Kasistino:
María Pilar Gómez
Str. Bolonia, 14, 1.°
ZARAGOZA

Sendaĵojn pri statistiko kaj informado sendu al:

S-ro. Salvador Aragay
Str. Arce, 8
CORNELLÁ (Barcelona) Hispanio

Libroservo:

Sekretariejo de H. E. F.
P.° Marina Moreno, 35, 4.° dcha.

Ĉekkonto: n.° 14114, Banco de Bilbao
ZARAGOZA

La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H. E. F., escepte en okazo de oficiala komuniko; do pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

## El Sekretariejo

Daŭre alvenas korespondaĵon al HEF, adresitaj al la Valencia adreso, kio fakte ĝenas la normalan funkciadon de sekretariejo.

Denove mi devas averti, speciale al la redakcioj de gazetoj, pri la neceso noti en la koncernaj adresaroj, la novan adreson de la Hispana E. Federacio, kontraŭe ni estos devigataj ne plu atenti tiajn korespondaĵojn. Jam en la 5ª numero de Boletín, ni atentigis pri tio, vere sen granda sukceso. Pro via onta atento koran antaŭdankon.

## Afabla invito el Italio

Okaze de la 36a Itala Kongreso de Esperanto, la GIOVENTU ESPERANTISTA ITALIANA (Itala Esperantista Junularo), prizorgos senpagan gastigadon dum la tuta Kongressemajno al juna reprezentanto de la Hispana Esperanto Asocio.

En afabla letero al la HEJS-Prezidanto Sro. S. Aragay, Sro. Giuliano Turone, Prezidanto de I. E. J. konfirmis oficiale la ŝatindan kaj dankindan inviton, pro kio ni —en la nomo de HEJS kaj HEF esprimas nian plej varman dankon dezirante al la Kongreso grandan sukceson.

ESTRARO DE H. E. F.

* Je via dispono ni havas belajn kolorajn poŝtkartojn pri la venonta Kongreso, eldonitaj en Palencio. Prezo: 2 ptojn. ekzemplero:

* Ankaŭ vi povas mendi jam la belajn glumarkojn de la Kongreso. Prezo: folieto kun 6 gm. 1,50 ptjn.

* Novajn belajn pk. kaj kovertojn pretigis por vi la eldona Fako. Prezo Poŝtk ses ptjn. la deko. Kovertoj, ses ptojn. la deko.

## FORPASIS

- Sro. Ramón B. Calvo Lamadrid.—En Guía (Las Palmas), la 13an decembro, je la 59 jara aĝo.
- Sro. Raimundo Cortijo.—En Lérida.
- Sro. Manuel Burgos Mancebo.—En Jaén.
- La edzino de Sro. Luis A. Ramirez Teruel.

NIAN PLEJ SINCERAN KONDOLENCON AL LA FAMILIANON.



# Saluto kaj alvoko

Denove mi salutas ĉiujn la hispanajn samideanojn kaj alvokas ilin por ke ili venu ĉeesti nian ĉiujaran familian kunvenon.

Se, vere, estas la ĵus komencita jaro 1965, en la internacia kadro, kiel la jaro de Internacia Kunlaborado, unu el la decidaj jaroj en la historio de nia internacia lingvo, ankaŭ en nia hispana lando povus ĝi esti la jaro de la grandaj atingoj de la grandaj progresoj, se ĉiuj ni pretigas sin al la laboro kaj en tiu laboro ne laciĝas.

Iom post iom, ŝiriĝas la ombroj kaj forkuras la fantomoj. Esperanto jam ne estas suspektinda nekonatulo. Sed la vojo estas longa kaj ne estas permesita al vojirantoj halti.

Por havi konsciencon pri nia devo kaj pri nia agado, pri tio kion ni jam atingis kaj pri la plej multenombraj celoj kiuj ne estas atingitaj, por la reciproka kuraĝigado en ilian persekuton, ni invitas vin por ke vi venu al Palencia, al la altaj, nobelaj kastilaj teroj en kiuj la hispana esperantistaro kunvenos.

Mi diris ĉi tion alifoje; mi devas diri ĝin nun denove. La Federacio ne estas nur la Estraro; la Federacio estas ĉiuj ni. Sed ne estas eble kuniĝi ofte ĉiuj ni. Pro tio, devas esti profititaj la Naciaj Kongresoj por ĉi tiu necesa kontakto.

Do, mi alvokas ĉiujn al nia Nacia Kongreso de Palencia; mi esperas trovi tie ĉiujn vi, kaj dume, mi sendas al la tuta hispana esperantistaro mian plej koran kaj varman saluton.

Via Prezidanto

*Miguel SANCHO IZQUIERDO*

# LA PREZIDANTO DE H. E. F., DOKTORO "HONORIS CAUSA" DE LA UNIVERSITATO DE NAVARRA



Post surmeto de la doktora bireto al la Doktoro Sancho Izquierdo, la Granda Kanceliero metas la fingroringon en lian fingron.

Por tiuj kiuj same kiel ni, havas la ŝancon sekvi pli malpli proksime la eksterordinaran agadon de nia eminenta Prezidanto Prof. D-ro. M. Sancho Izquierdo, en ĉiuj sferoj de la kultura vivo, kaj konas la bonegan reputacion kaj estimon kiun li ĝuas en la plej altaj instancoj de nia lando, ne estis surprizo la raporto aperinta en la ĵurnalaro informante pri la honorigo kiun la Estraro de la Navarra Universitato faris al li la pasintan monaton novembro, kvankam ni devas konfesi ke kiam lia konata vizaĝo aperis sur la televida ekrano dum la solena momento de la investituro ni ne povis eviti korbatan akcelon kaj travivis kun li la emocian momenton.

En plena rekono de liaj meritoj, ni aldonas al la multnombraj gratuloj kiujn li senĉese ricevas, la nian respektoplenan kaj samideanan, ne nur en nia propra nomo sed ankaŭ en tiu de la hispana esperantistaro kies tiurilatajn sentojn ni kredas tiele korekte interpreti.

ESTRARO KAJ REDAKCIO

PREMIO COMELLA - BASSOLS (SESA KONKURSO)

## VERDIKTO

La juĝkomisiono por la Premio COMELLA-BASSOLS havas la honoron publiki la Verdikton pri la Sesa Konkurso.

Post atenta voĉdonado kaj laŭ plej alta nombro da poentoj, la rakonto FRAKASITA VAZO, de Dr° Jan Filip, el Ĉeĥoslovakio, estas gajninta la ĉijaran Konkurson.

Ni gratulas elkore la gajninton kaj multe dankas ĉiujn konkursintojn por la Premio.

Teo Jung, Emilija Lapenna, Lluis Mimó kaj Francesc Vilà, Sekretario.

# "CAMPAÑA DE RECOGIDA DE FIRMAS"

## (Propuesta a la O. N. U. con motivo del año de Colaboración Internacional)

Nicolás L. Escartín

La Conferencia General de la UNESCO, en su resolución del 10 de diciembre de 1954, reconoció «los resultados alcanzados por el Esperanto en la esfera de las relaciones internacionales y en el acercamiento de los pueblos al mundo». Este reconocimiento constituyó uno de los más grandes triunfos del Esperanto y de la cultura mundial y fue el sólido punto de partida para una labor de información y colaboración sistemática por parte de U. E. A. y de la UNESCO que se ha mantenido a lo largo de los diez últimos años y continúa todavía en la actualidad. Esta colaboración se ha traducido en numerosas publicaciones, conferencias, exposiciones, estudios y artículos periodísticos, aparecidos en la prensa de todo el mundo, que han interesado a la opinión pública, colocando a nuestra Asociación en un lugar privilegiado entre las organizaciones consultivas de la UNESCO y preparando el terreno para mayores realizaciones.

En este sentido, el presente año 1965, designado por la ONU como el «AÑO DE COLABORACION INTERNACIONAL», se presenta como uno de los más fructíferos y decisivos para el laborar esperantista; pero es preciso para ello el apoyo y cooperación personal de todos los esperantistas y personas de buena voluntad. La campaña de recogida de firmas de que tratábamos en nuestro número anterior de BOLETIN debe ocupar ahora toda nuestra atención. En lo posible, rogamos se sigan las instrucciones dadas por U. E. A. y completadas por H. E. F. para España.

Los últimos informes facilitados por la Asociación Esperantista Universal (U. E. A.), no pueden ser más alentadores. Según los datos del mes de noviembre (y piénsese que la campaña está en sus comienzos), la Oficina Central había recibido pliegos conteniendo las firmas de 8.241 personas de 26 países, y de 56 organizaciones de 15 países, con un total de 176.000 miembros. Entre estas firmas figuran las de ministros, primeros ministros, presidentes, embajadores, directores de grandes empresas estatales, presidentes, directores y miembros de academias científicas, eminentes autoridades religiosas, directores de museos, estudiantes de grados diversos, trabajadores, empleados, industriales, amas de casa, etc., etc. Solamente la Oficina Central de U. E. A., en Rotterdam, ha distribuido más de 114.000 hojas en diversas lenguas, a las que hay que añadir las editadas por las diversas asociaciones nacionales. El ritmo creciente de afluencia de pliegos firmados permite prever el mayor éxito para esta campaña en pro de la cultura mundial, campaña que no dudamos será apoyada por toda persona de buena voluntad y amplia mentalidad.

En la Secretaría de H. E. F., la afluencia de hojas es constante, y vemos con satisfacción que la propuesta está siendo suscrita por personas pertenecientes a todos los estamentos sociales, lo que prueba, una vez más, la universalidad de la idea de la necesidad de una lengua neutral internacional.

Dado que la campaña está en sus principios, nos permitimos repetir y completar algunas instrucciones y consejos dados anteriormente, con objeto de sistematizar la labor de recogida de firmas de manera que resulte más efectiva y fructífera:

1. — Quien no posea hojas, o se le hayan agotado, puede solicitarlas a la Secretaría de H. E. F. (ver dirección pág. 2). Las hojas se enviarán a quien las solicite, sea o no miembro de la Federación.

2. — Llénese la hoja cuidadosamente —y si es posible, a máquina—, haciendo figurar *todos* los datos solicitados de acuerdo con las instrucciones que figuran al dorso de la hoja. Los no esperantistas pueden solicitar la traducción de estas instrucciones a la Secretaría de H. E. F.

3. — Una vez rellena la hoja, remítala a Secretaría, sin esperar el relleno de una segunda, si la posee. Cada pliego puede contener 21 firmas. En caso de sociedades o personalidades importantes, lea las instrucciones al respecto.

# "GRACIAS" (Dankon!)

J. C. TWUIVER

Tiun ĉi someron ni vizitis Hispanujon por la unua fojo en nia vivo. Per Eŭropa-buso ni rapide iris la sunon renkonten. Neforgeseblaj restos la du semajnoj kiujn ni pasigis en Barcelona kaj sur la insulo Mallorca. Amiko José, kiun ni por la unua fojo renkontis post pli ol dek jaroj da korespondado, akceptis nin kun vera hispana gastemeco.

Belaj estis la floroj ĉe «Ramblas», la statuo de Colón; la ŝipveturado tra la haveno, la fontanoj...

Zigzagis centoj da flav-nigraj «taksioj» kiuj por malmulte da pesetoj transportis nin tra la urbo, kiu estis plena de vivo kaj aktiveco, kaj kie meznokte la patrinoj promenadis —la infanoj surbrake— rigardante la turistojn, kiuj ĝuis vinon, bieron aŭ la dolĉan «chufa».

Mi memoras la afablan najbaron, kiu montris al ni la malnovan urbon kaj muzeon, parolante franclingve. Sendube tiu inteligenta homo eklernos Esperanton.

Bedaŭrinde ni ne povis ĉeesti la Jubilean Kongreson en Valencia, sed ni tre ŝatis la klubvesperon kiun ni povis viziti. Kvankam pro ferio ne ĉeestis multaj samideanoj, la sfero estis bonega!

Apartaj por ni estis la popoldancoj sur iu placo kie la junuloj en granda rondo fiere dancis.

Eĉ surtegmenta televidrigardado je kiu okazo la aparato staris en la ĉambreto kaj la rigardintoj sidis ekstere— estis tre aparta.

Unikaj estis la legum— kaj la fiŝfoiroj kie multaj filmaparatoj eklaboris. Ekde nun ni estas adorantoj de melonoj (sangría) (?)

Ke niaj stomakoj de tempo al tempo ribelis kontraŭ kelkaj specoj de manĝaĵoj— tio sendube ne estas la kulpo de niaj gastigantoj. Gaseosas estis bona medikamento!

Sunbani kaj naĝi ĉe la flav-blua marbordo de Palma estis ĝojo por ni.

Kvankam bela la insulo —ni pli ŝatis la vivon en la urbo kaj kampara ĉirkaŭaĵo, ĉar estis por ni pli hispana ol la internancia turistregiono kie hoteloj kreskas kiel kaktoj!

Unu aferon ni malŝatis —la meztagan varmecon! Sed feliĉe niaj amikoj instruis nin serĉi ombron kaj ripozon.

El Nederlando ni deziras al niaj hispanaj samideanoj multan sukceson. Ke progresu la Esperanta Movado! Nur per Esperanto ni povis veni al vi.

Niavice ni invitas vin —se iam estos ebla, viziti la beletan landon ĉe la Norda Maro el kiu ni nun —per BOLETIN— denove sendas dankon!

---

4.—Procúrese conservar la hoja en el mejor estado posible. Las hojas manchadas o emborronadas, aunque utilizables, producen mal efecto.

5.—La petición puede ser suscrita por toda aquella persona que participe de la idea expresada en la propuesta. Hágase firmar primero a los familiares, después a los amigos, compañeros, conocidos, etc., etc. No hay discriminación especial respecto a edad, ocupación, clase social, etc., etc.

6.—Aprovéchese la oportunidad (y esto es muy importante) para informar sobre el Esperanto, sus fines y su fundamental sencillez, de una manera fidedigna. Aun hoy día hay personas con ideas fantásticas y absurdas sobre nuestra lengua auxiliar, nacidas de una información ignorante, malévola o falsa. Preséntese el Esperanto a la clara luz de los hechos y de las realizaciones obtenidas. Los más ardientes oponentes se convierten a veces en sus más fervientes adalides cuando les son mostrados los hechos de una manera sencilla y racional a la luz de la verdad. Tras el movimiento esperantista hay millones de personas de todas las razas, credos y profesiones. Todos han comprobado prácticamente su utilidad, y es más valioso un testimonio práctico que todas las divagaciones teóricas. No se olvide esto.



## Niaj pioniroj...

# Teodoro Elizondo

Denove, granda pioniro de nia afero honorigas la paĝojn de BOLETIN: La Bilbaa gravulo Teodoro Elizondo, kies nomo estas certe konata de multaj personoj pro lia verkado de la ŝlosilo Esperanto-Baska, rimarkinda kontribuo lingva al nia afero.

En Teodoro Elizondo ni povas admiri pioniron, sed pioniron en la tuta senco de la vorto. Lia realiga vivado estis daŭra kontribuo al la enradikigo, propagando kaj disvastigo de Esperanto en Hispanio. Lia agado kiel gvidanto, profesoro kaj aktiva propagandisto de la lingvo estas bone konata de nia Bilba-a samideanaro. Ni bone scias, ke multaj personoj konservas memoraĵojn pri liaj atingoj kaj enkore nutradas danksentojn. Ni estas certaj, ke li meritas ĉion. Jen kial nia omaĝo, ne pro silenta malpli varma kaj respektoplena

Kunfondinto kaj iama prezidanto de la **ESPERANTISTA GRUPO DE BILBAO** kiu startis en la jaro 1905, nia samideano ĉeestis la Internacian Kongreson de Esperanto en Barcelona (la unua internacia kongreso okazinta en Hispanio) en la jaro 1909a, kie li havis la ĝojon kaj honoron koni persone nian majstron D-ro Zamenhof kaj saluti lin.

En la sama jaro —1909a— komenciĝis en Bilbao la publikigo de la revuo NOVA SENTO, kaj ĝia korektado estis unu el liaj taskoj. Tiu revuo meritis la specialan atenton de Dro. Zamenhof kiu gratulis per poŝtkarto —nun konservita kiel relikvon— ĉiujn kiuj partoprenis la redaktadon kaj aperigon de tiu revuo. Sro. Elizondo ankaŭ havis oftan korespondadon kun la mondkonata pioniro E. Privat jam forpasinta.

Nuntempe, atinginte sian 83 jaran aĝon, ankoraŭ konservas mirige bonegan memoron kaj neordinare klaran inteligenton. Kiuj ĉirkaŭas lin trovas ĉiam en li instruan kaj amuzan konversacion.

Homo kun tre vasta kulturo kaj granda sperto en la poresperanta agado certe respondos koncize sed profunde niajn jenajn demandojn:

1 — *Kie kaj kiam vi kontaktis kun Esperanto kaj eklernis ĝin?* — Mi kontaktis kun Esperanto en Bilbao, en la jaro 1905.

2 — *Kiu estis la ĉefa faktoro kiu instigis vin lerni Esperanton?* — Tiutempe okazis, ke amiko mia diris al mi, ke li kun aliaj amikoj decidis lerni Esperanton malgraŭ ke ili jam sciis, ke mi ne konis eĉ unu vorton de tiu lingvo, ĉar ili pensis ke la lernado de Esperanto estus facila al mi, tial ke mi jam konis tri lingvojn. Do, mi promesis al ili lerni ĉiutage unu lecionon kaj sekvantan tagon klarigi ĝin al ili. Tiu estis unu el la faktoroj kiu instigis min lerni la lingvon. Krom tio mi ĉiam estis partiano de unu lingvo internacia.

3 — *Laŭ via opinio, kiu estas la ĉefa celo de Internacia helpa lingvo?* Kontribui al la progresado de la mondo.

4 — *Kion vi —spertulo— konsilus al la esperantista aro por pliviglígi kaj pligrandigi nian movadon?*

Mi konsilus lerni la lingvon jupli perfekte, kaj por tio aparteni al la loka grupo, kaj se tia ne ekzistas klopodi starigi ĝin.

5 — *Post via longa vivo esperantista, kian mesaĝon vi transdonus al la nuntempaj esperantistoj?*

Ke ili pripensu bone la enhavon de la bela poezio de Zamenhof LA VOJO kaj sekvu ĝin.

Kiel estas tradicie en nia movado, ankaŭ en pasinta jaro 1964 oni festis kaj solenis diversmaniere la tagon de Zamenhof en pluraj lokoj de Hispanio.

Laŭ la informoj kaj raportoj kiujn ni ricevis, ni oferas al nia legantaro la sciigojn kiujn oni sendis al ni pri la agado de niaj samideanoj tiuokaze.

*MADRID.* — La Esperanto Grupo de la ĉefurbo organizis komunan vespermanĝon en centra restoracio kie regis interfrata amikeco. Post la fino oni paroladis por laŭdi nian majstron kaj honori lian memoron. La oratoroj estis longe aplaŭdataj.

★

*VALENCIA.* — La veterana valencia grupo, pere de sia junulara klubo reprezentis interesan teatraĵon la 8an de decembro vespere.

La 13an je la 11a horo oni celebris solenan meson. Poste estis metita laŭrkrono sur la nomtabulon de Zamenhofstrato kaj en la sama tago je la 13'30 horo la samideanoj ĉeestis interfratan tagmanĝon.

La 15an kaj en la Valencia Universitato je la 19'30 horo D-ro Rafael Herrero prelegis pri la temo «Socia graveco de Esperanto» kun alparolado de Prof. Santiago Miquel nuna prezidanto de la grupo.

★

*VILLAFRANCA DE ORIA.* — Ankaŭ la nova grupo de tiu norda urbo organizis diversajn okazigojn, kie kune al la gaja etoso de la momento stariĝis la firma konvinko kaj promeso labori por la fina atingo de niaj idealoj.

★

*SABADELL.* — Por rememorigi la 105 jaran datrevenon de la naskiĝo de Doktoro L. L. Zamenhof, la loka Esperanto-Klubo projekciis, la 19an de decembro 1964, en la aŭditorio de «Caja de Ahorros de Sabadell», serion da belkoloraj diapozitivoj en nacilingva traduko, objektive ilustrantaj pri la pozitivaj rezultoj kiujn ĝis nun atingis Esperanto en la tuta mondo. La du urbaj radiostacioj kaj la ĵurnalo «Diario de Sabadell» favore anoncis la eventon.

La sekvan tagon, 20a decembro 64a, gelernantoj de la kurso de Esperanto, kiun alterne gvidas samideanoj Viladoms kaj Serrano, starte parolis por la kluba magnetofono al 100 gekomencantoj de duagrada lernejo en Bari (Italio). En la sendotan sonbendon oni krome transprenis la voĉojn de kelkaj esperantistaj veteranoj kaj belajn muzikpecojn. La kluba sekretario, S-no Liberto Puig, lerte prezentis la gepartoprenintojn. VELUS.

★

*VALLADOLID.* — La esperantista grupo FIDO KAJ ESPERO el Valladolid celebris la 13an de decembro la Feston honore al Dro. Zamenhof, kreinto de la internacia lingvo Esperanto, okaze de lia 105a jaro de naskiĝdatreveno.

En la preĝejo Sankta Lorenzo, antaŭ la altaro de la Sankta Virgulino, Patronino de la urbo, la esperantistaro ĉeestis Sanktan Meson kiun celebris Pastro Gabriel Herrero kaj predikis paroĥestro David Sánchez del Caño, kiu laŭdis Esperanton kaj komparis la ideojn de paco kaj amo kiujn ĝi enhavas kun la samaj ideoj kiujn enhavas la dua vatikana Koncilio. Dum la Sankta Meso Sro. Basilides Sanz legis epistolon kaj evangelion en la internacia lingvo. Je la fino de la Meso ĉiuj kantis la «Saluton Reĝino».

Je la dua kaj duono vespere, en Restoracio LA ROSALEDA kunvenis tridek geesperantistoj por celebri komunan bankedon, en ĝi regis la ĝojan atmosferon kiu ĉiam reĝas en Esperantujo.

Je la sepa kaj duono preskaŭ okdek personoj ĉeestis feston en Salono pri Arto kaj kulturo IRIS kiu estis tre bele ornamita per la esperanta flago de la Grupo kaj portreto de Dro. Lázaro Luis Zamenhof, la glora aŭtoro de Esperanto. Unue Sro. Gamboa legis hispanlingve artikolon pri Zamenhof kaj lia kreaĵo; sekve ĉiuj balotis por elekti fraŭlinon Esperanto 1964-65 de la Grupo FIDO KAJ ESPERO. Estis elektita la bela kaj ĉarma Fino. María Concesa Quijano. La fraŭ. 1963-64, Mari-Cruz Gobernado, surmetis la skarpon al la nova fraŭlino, kiu dankis al ĉiuj la elekton per mallonga sed trafa paroladeto. Fraŭlinoj Tina Tranque, Carmen Conde, Concepción Rodríguez, María José Zalama y Rafaela Urueña, deklamis hispanlingve kaj Esperante poemojn de Machado, Blasco, Campoamor, Zamenhof, k.t.p. Poste parolis Sro. Mariano Cantalapiedra, Prezidanto de la loka esperantista Grupo kiu dankis al ĉiuj sian partoprenon en la Festo. Finfine oni kantis la esperantistan himnon LA ESPERO. Kiel dua parto estis projekciita dokumenta filmo en koloro kiu plaĉis multege.

La lundon 14a, per Radio Valladolid, en la programo ESPERANTO EN ANTENA okazis neordinara programo kun la partopreno de diversaj geanoj de la grupo FIDO KAJ ESPERO sub la gvidado de la prizorgantoj de la programo fraŭ. Carmen Conde y Sro. Luis Hernández. La lokaj ĵurnaloj kaj radioj informis pri ĉi tiu festo. L. HERNANDEZ.

★

*ZARAGOZA.*—En tiu ĉi urbo, la samideanoj klopodis honori laŭeble la datrevenon de la Fondinto kaj oni organizis prelegon en la solena kadro de la Provincia Palaco.

D-ro Sancho Izquierdo prelegis pri la diversaj aspektoj de la Esperanto movado, asertante ke esperanto ne estas mito sed reala fakto kaj tial ĝi devas esti agnoskata.

Por certigi la trafan signifon de siaj asertoj li prezentis kiel ekzemplo de tiu ĉi vivanta realeco, ne nur la nuntempajn esperantajn organizojn, kiuj havas oftan kontakton kun la plej altaj instancoj de la ŝtatoj —registaroj mem—, sed la periodajn renkontiĝojn kaj sur ĉio la universalajn kongresojn, kien el ĉiuj anguloj de la tero alvenas homoj kiuj malgraŭ sia diversa deveno parolas nur unu lingvon kaj ili komprenas perfekte unu la alian.

Kelkaj personoj povas kredi, ke la origina nacieco aŭ gepatra lingvo povus esti barilo por korekta prononcado aŭ perfekta interkompreno. Tio ĉi —li daŭrigas— ne okazas kaj tiuj kiuj parolis kun alilandanoj povas certe pruvi la ĝuijan facilan interkompreniĝon kvankam sia studkono de la lingvo ne estu tute profunda.

Por praktike montri la fonetikon de la lingvo kaj parolŝtilon laŭ la parolanto, li prezentis kelkajn mikrofonajn diskojn kun kongresaj salutvortoj kaj paroladoj de pluraj konataj oratoroj en Esperanto-lando.

Poste oni projekciis diapozitivojn de monumentoj kaj kongresurboj kun klarigoj de detaloj por tiuj kiuj ne estis sufiĉe bonŝancaj iri tien.

Ankaŭ kiel estas kutime la gesamideanaro partoprenis komunan vespermanĝon kun la akompano de tostoj kaj bondeziroj.

La redakcio de Boletín gratulas al ĉiuj kiuj entreprenis tiun elmontrojn de sia agademo kaj deziras ke ili daŭrigu kun sama entuziasmo ĝis la fina venko.

(Raportis: A. Salete, Velus kaj L. Hernández.)

# PALENCIA

## "ĈIAM APERTA"

*Félix Buisán Citores*

(Oficiala kronikisto de la urbo)



Palencia estas antikva urbo kies originoj perdiĝas en la nokto de l'tempoj. Probable, antaŭ ol esti fondita de la unuaj keltiberaj triboj de la «Vacceos», jam ekzistis apud la bordoj de rivero Carrión indiĝenoj de ĉi tiu regiono de «pan llevar». Oficiale la urbo estis fondita en la jaro 1865 A. K., do ĝi estas unu el la urboj plej antikvaj el Hispanio; 564 jarojn antaŭa al Roma mem.

La urbo travivis multnombrajn historiajn okazintaĵojn. En Palencia (urbo aŭ provinco) oni verkis elstarajn ĉapitrojn el la historio de Hispanio. Interalie, ĉi tie situis la kvartiroj de Teodorico, kiu nomigis gotikajn kampojn tiujn proksimaj al la urbo, nun apartenantaj al la distrikto de «Tierra de Campos». Ĉi tie, en la jaro 1208, la reĝo Alfonso la VIII fondis la unuan Universitaton de Hispanio, kvina el Eŭropo. En Palencia oni mortigis la reĝon Henriko la Ia, kaj Sankta Fernando proklamis sin reĝon de Castilla permane de sia Patrino Doña Berenguela. Estis en Autillo kaj en Dueñas kie la Katolikaj Reĝoj interkonatiĝis kaj decidis pri la geedziĝo kiu poste estis ŝlosilo de la hispana unuigo.

La provinca ĉefurbo situas sur vasta valo apud la maldekstra bordo de rivero Carrión, meze de la Kastilia steparo, 730 metrojn alte super la marnivelo. Havas 50.000 loĝantojn kaj ĝiaj riĉaĵoj estas ĉefe agrikulturo kaj brutaro. Fervojoj kaj aŭtovojoj bone komunikas la urbon (vojkruciĝo por la nordaj regionoj), kies medio estas milda kaj trankvila.

Palencia havas teluran belecon: sian senlimon, historion kaj monumentojn. En la urbo elstaras interalie la katedralo, kies konstruado komenciĝis en la jaro 1321a kaj finiĝis en 1516, kaj estas belega preĝejo kie la renesanca kaj ogiva stiloj estas miksitaj. Ĝi havas unu el la plej belaj absidoj gotikaj kiun oni iam ŝancus rigardadi. Ĝia kromnomo «Bela Nekonatulino» spegulas tion, ke la scio kiun oni havas pri ĉi tiu preĝejo kaj ĝiaj trezoroj estas sub ĝiaj meritoj.

En la katedralo estas la kripto de Sankto Antolín, Patrono de la urbo.

Sankta Miguel estas alia grava preĝejo el la XIa-XIIa jarcentoj, kies unikaj trajtoj (vera kastelo-preĝejo) kun belegaspekta ogiva-krenela turo, starigas je l'akvspegulo de la rivero sian sveltan sed samtempe masivan silueton. Ankaŭ oni povas mencii la monaĥejan preĝejon de Sankta Clara, de la XVa jarcento, kiu oferas al la vizitanto sian kaŝitan ĉarmon, relikvujo de la tremiga figuro de la kuŝanta Kristo (la «Kristo el tero» kiun prikantis Unamuno) pri kiu la reĝo Felipe la IIa, rigardante ĝin diris kun granda emocio: «se mi ne havus fidon, mi dirus, ke estas la korpo mem de la Savanto».

En la religia konstruado, aliaj kupoloj kaj gabloj estas menciindaj: tiuj de la preĝejoj de Sankta Paulo, Sankta

# La Deklinaciaj Kazoj

D. DALMAU

Oni devas scii pri la deklinaciaj kazoj en malsamaj lingvoj por bone kompreni la aserton de Zamenhof, ke en Esperanto ekzistas nur du: la nominativo kaj la akuzativo: *ŝi amas lin* aŭ *lin amas ŝi*, kaj *ŝin li amas* aŭ *li ŝin amas* — en libera sintakso. Do, simpla diferencigo: la alpreno de *-n* por indiki la akuzativon.

La fakto, ke en multaj lingvoj la nomoj *dativo* kaj *ablativo* ampleksiĝis signifi diversajn verbajn komplementojn ne pravigas kredi, ke same devas okazi en Esperanto. En nia lingvo la prepozicioj klarigas la komplementajn rilatojn, kaj eĉ la akuzativa finaĵo taŭgas por anstataŭi prepozicion. Ni povas diri: *labori dum la tuta tago* aŭ *labori la tutan tagon.* Kaj eĉ korekte estas *danki iun, helpi iun* kaj *danki al iu, helpi al iu.* Tamen, oni devas multe legi, aŭskulti bonajn paroladojn por lerni elegantecon, nuancojn, pri la uzado de prepozicioj kaj de la akuzativa finaĵo. Oni ĉefe celu klarecon kaj belecon ĉe la konstruo de frazoj.

Ke en latino estas ses deklinaciaj kazoj, kiel en slavaj lingvoj, en germana nur kvar, en araba nur tri, por diri nur kelkaj ekzemploj; kaj la fakto ke en angla lingvo estas du formoj por la pronomo *mi: I* kaj *me, en* germana, franca kaj hispana tri: respektive *ich, mir, mich; je, me, moi,* kaj *yo, me, mi,* ĉio tio nenion signifas por Esperanto, kiu havas nur la nominativon *mi* kaj la akuzativon *min.* La gramatikistoj ja devas eviti influon de la nacia gramatiko, kiam ili instruas tiun de Esperanto, kiu estas por ĉiuj nacioj klare fiksita en la dek ses reguloj de la Fundamento.

---

Francisco, Sankta Lázaro (en la antikva nobeldomo de la «Cid» kaj Doña Ximena) kaj la Compañia (sanktejo de la Virgulino de la strato, ankaŭ Patronino de la urbo). Ĉiuj ili kontribuas al la Palencia medio sian noblegan ĉeeston.

La urbo ankaŭ prezentas elegantajn konstruaĵojn: interalie la Provincan Palacon, la Urbodomon, la Instituton kaj la Episkopan Palacon, kaj levigas, kiel fidoindikilon, kiel «lumfaron en argilomaro» —laŭ iam mi diris— la kolosan statuon de Kristo-Reĝo, impresiga skultura verko de la palencia artisto Victorio Macho, kiu starigas sian 25 metran figuron sur la altaĵo de la Otero, je unu kilometro de la urbo kiun ŝajnas beni kaj protekti.

Diversaj konstruaĵoj, interili la Junularkampo kun sportaj instalaĵoj; kaj belegaj ĉirkaŭaĵoj: Monto «La Maljunulo», la malaltaj fruktkampoj, kiuj metas sian verdan kaj fruktan ĉirkaŭbrakon ĉe la dekstra flanko de la urbo; la arbareto de la Kanonikoj, «La Sanfonto», sankta Roman kaj Pajares, oferas interaliaj lokoj verdaj kaj ombroplenaj, apud la rivero Carrión, pacajn kaj ripozigajn ejojn.

La palencia provinco gardas ankaŭ netakseblajn trezorojn historiajn, monumentajn kaj pejzaĝajn ŝprucitaj sur tuta sia geografio. Palencia estas longforma provinco kie ebenaĵoj, kampoj, kaj montoj alternas. De «Peñalabra», en la karboriĉa kaj monta Nordo, ĝis la cerealoriĉa steparo de «Carrato», oni trovas simfonion el teroj kaj taŭgajn motivojn por kontemplado.

Ĉiu vojaĝanto avida je surprizaj belaĵoj trovos ilin en Palencia sekvante la jenan vojplanon: Romanidan, laŭ Fromista, Carrión, Villalcazar de Sirga y Aguilar, en kiu staras la cipoj el plej puraj romanidaj ekzempleroj. La vojo de la Gotikaj kampoj, atestantoj de multnombraj bataloj, kaj hodiaŭ grenujo de Hispanio; tiu de la Historio (Autillo, Támara, Paredes, Becerril, Cisneros, Ampudia, Belmonte, Dueñas...); tiuj de la Vojo de Santiago kaj Pejzaĝo, laŭlonge de la monto kaj basenegoj.

Nobla Tero. Lulilo de gloraj filoj. Jorge Manrique, Alonso Berruguete, Casado del Alisal y Modesto Lafuente, inter kiuj plej hele brilis en la Poezio skulptarto, pentrarto kaj historio.

Palencia, ĉiam aperta.

## ✳ *Ni legis por vi...*

*ESPERANTA-SINHALA VORTARETO.—D-ro. Victor Sadler.—Universala Esperanto Asocio.—Financis la «Fondaĵo Azio-Afriko». Prezo 0'50 gld.*

Unu el la plej gravaj baroj kiun oni trovas en la disvastigo de Esperanto, speciale en orientaj landoj, estas la manko de lernolibroj kaj vortaroj en la koncernaj lingvoj kaj dialektoj en ili parolataj. Lernigi nian lingvon pere de alia eŭropa lingvo estas ja tute ne kontentige, precipe pro la fakto, ke tiu povas krei la impreson ke Esperanto estas ĉefe eŭropa afero; krom tio, kvankam rekta instruo efikas, ne sufiĉas por atingigi tutan posedon de Esperanto; perfektigi ĝin nur eblas do, kiam oni regas alian lingvon, ĉefe eŭropan (ĉinan kaj japanan ja oni povas enkalkuli) kies vortarojn kaj gramatikojn oni povas konsulti se necese.

En Cejlono, kie ordinare estas parolataj la sinhala kaj tamila lingvoj (la anglan samkiel en Hindujo nur parolas la intelektularo), la baza vortareto de Dro. Sadler, kiu enhavas proksimume 700 por la ordinara uzo plej necesajn vortojn, estos trege utila post la agado de Sroj. Milojeviĉ kaj Sadler, kaj estas unu el la unuaj plej urĝaj kaj plenumendaj taskoj kiun U. E. A., pere de la fondaĵo Azio-Afriko, entreprenis lastatempe. Dezirinda estas ankaŭ la eldono de baza lernolibro en bengala lingvo, kies baldaŭan aperon oni anoncas. Tiel pli ol 80 milionoj da parolantoj en Hindujo kaj pakistano havos la ŝancon eklerni nian lingvon.

U. E. A. konsciante pri la gravo de tiu entrepreno kiu celas kontinenton kie loĝas pli ol duono de la romaro petas apogan kontribuaĵon por la «Fondaĵo Azio-Afriko». Donacojn sendu al: Nederlanda ĝirkonto 378964; Banko Mees & Zoonen, Rotterdam (je la nomo de U. E. A.). Ĉiuj donacoj ricevos mencion en la revuo «Esperanto».

N. L. ESCARTIN

*GAJA LEGANTO PER ESPERANTO.—P. E. Schwerin.—2a eldono. Prezo 2 ŝil., afranko ap. Eldonita de The Esperanto Publishing Co. Ltda. Mendebla ĉe la eldonisto (kun antaŭpago), 120 Heronsgate Road, Chorleywood, Rickmansworth (Herts), Anglio.*

ĈI tiu 47 paĝa libreto enhavas la jenon: spritaĵoj, vortludoj, preseraroj, anekdotoj, matematikaĵoj, rimaĵoj, societludoj, konsiloj por grupestroj kaj kursgvidantoj, demandaro.

Celante amuzigi grupvesperojn kaj kurslecionojn, la aŭtoro de ĉi tiu libreto kompilis en plej densa formo aron da distraĵoj, jen amuzaj, jen instruaj kiuj ĉefe atingos la favoron de profesoroj kaj lernantoj de nia lingvo. La zorga elekto kiun faris la aŭtoro reigos en niajn lipojn tiun rideton kiun tro da seriozaĵoj forviŝis el ili.

La libron legos kun plezuro ne nur profesoroj kaj lernantoj sed ĉiuj kiuj interesiĝas pri la internaciaj literaturaĵoj ĉar ja en ĝia genro ĝi estas altkvalita.

N. L. ESCARTIN

*POLLANDO, 1944-1964.—Eldonejo «Polonia». Petojn adresu al la Pola Esperanto Asocio, Nowy Swiat, 27, Varsovio. Prezo 4 r.p.k.*

Kiuj volas informiĝi pri la evoluo de Pollando trovos en ĉi tiu 260 paĝa libro (riĉigita per abundaj fotoj, desegnoj, statistikaj cifertabeloj, mapoj ktp.) la plej riĉan kaj taŭgan informilon ĝis nun publikigitan en nia lingvo. Ĝi ampleksas la jenajn rubrikojn: geografio, historio, eksterlanda politiko, industrio, agrikulturo, eksterlanda komerco, sociaj problemoj, klerigado, scienco, literaturo, muziko, teatro, filmo, plastiko, arkitekturo kaj turismo.

Tre bonaj lingvo teksto kaj fotoj. Prezo tre malalta rilate la kvaliton de la libro same laŭ aspekto kiel laŭ enhavo.

N. L. ESCARTIN

*BOZENA NĚMCOVÁ.—Malgranda monografio.—Dro. A. Hoffmeister (Parolado en la programa komisiono de la dekunua sesio de la Generala Konferenco de UNESKO en Parizo) Eldonis: Osvetovy ústav v praze, kiel literaturan aldonon al la revuo PACO.*

Tiu ĉi 19 paĝa broŝureto entenas la memoran paroladon de Dro. Hoffmeister pri la fama ĉeĥa verkistino Bozena Nemcova (1820-1862; propranome Barbora Panklová). Kelkaj poemoj kaj la verketo «kvar tempoj», laŭ tradukoj de Jiri Korinek kaj J. M. Havlik respektive, evidentigas la verkistan talenton de ĉi tiu eksterordinara virino kies

liberama koro kaj nobla karaktero elfloris en cirkonstancoj kaj medioj ege malfavoraj, unue pro la kruda kaj severa karaktero de ŝia edzo, kaj due pro la burĝa socio kiu ŝin ĉirkaŭis, nekapabla kompreni ĉi tiun virinon aspiranta al sendependenco kaj egalrajto.

Kiel verkistino, Bozena Nemcova famiĝis ĉefe pro sia verko «Avino» kiu aperis en multaj tradukoj (ankaŭ en Esperanto). UNESKO envicigis ŝin en la liston de tutmondaj datrevenoj en la jaro 1962a.

N. L. ESCARTIN

*EMILE PELTIER. Apostolo de Katolika Esperantismo. Biografio verkita de N. G. Hoen. Kristana Kulturo. IKUE-Kajero n.º 1. Eldonis Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista. 45 paĝoj. Prezo ne indikita.*

Dediĉita al la francaj katolikaj esperantistoj en kies lando ekfloris la internacia katolika Esperanto-movado, ĉi tiu kajero de IKUE rakontas pri la vivo kaj penoj de la franca sacerdoto Emilio Peltier dank'al kies klopodoj, ŝtala volo kaj neelĉerpebla fido fariĝis ebla la kreiĝo de la nunnomata I. K. U. E. (Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista) kaj de ties organo Espero Katolika, ambaŭ ankoraŭ funkciantaj.

Bona Esperanto kaj pluraj interesaj bildoj riĉigas la enhavon de ĉi tiu broŝuro kies legadon mi rekomendas eĉ al tiuj kiuj ne interesiĝas pri religiaj aferoj.

N. L. ESCARTIN

*SINTROMPOJ.—J. B. Hirscher.— Kristana Kulturo. IKUE-kajero n.º 2. Eldonis IKUE. Elgermanigis W. Flamer. 36 paĝoj. Prezo ne indikita.*

La eldono de ĉi tiu verketo aperis antaŭ cent jaroj sed ĝia enhavo restas ankoraŭ aktuala. La kajero, vera juvelo de la katolika literaturo, celas precipe instrui la homojn por sin koni kaj per tio forigi tiun ĝeneralan malsanon enradikiĝinta en nia interno: la *konstantan sintrompon.* La kajero, vere grava kaj profunda laŭ enhavo, estas daŭra instigo al analizo kaj kompreno de onia konduto kaj agoj rilate la religiajn kaj moralajn admonojn. Tra la tuta broŝuro la aŭtoro montras profundan konon psikologian pri la homa interno.

Libro leginda kaj meditinda, instrua, amuza kaj profunda!

N. L. ESCARTIN

*LA KUNPRINCLANDO ANDORO, LASTA FEŬDA ŜTATO.—De Jean Bacquer. Traduko de André Ribot. 75 paĝoj. 60 fotoj kaj desegnaĵoj de Valentí Claverol. Eldonis: Esperantaj Francaj Eldonoj. Prezo: 115 pesetoj. Akirebla ĉe nialanda reprezentanto: Liberto Puig —Güell y Ferrer, 207— SABADELL.*

La titolo de ĉi tiu ege interesa libreto povus veki ĉe la menso de la legonto imagojn pri tiu malluma Mezepoko kiun ni konas per historiaj, literaturaj kaj eĉ filmaj priskriboj. Sed, leginte la verkon de advokato Bacquer, fervora enamiĝinto de tiu paradiza perlo de la Pireneoj kaj studemulo de ties historio, kutimoj kaj institucioj, oni tuj konstatos ke tia «feŭdeco» estas fakte jura koncepto taksebla nur de la kompetentuloj pri politikaj sciencoj.

Andoro estas admirinda landeto, progreseme atinginta altan ŝtupon en la glore promesplena civilizacio de nia floranta Eŭropo nuntempa. Nur dufoje mi havis la ĝojegan plezuron viziti ĝin, kaj, kredu min, mi apenaŭ povus esprimi per vortoj la sinceran, kortuŝan emoción kiun mi sentis okaze de miaj restadoj tie. Ambaŭ fojojn venis al mia memoro kiom multe taksis kaj estimis la pirenean princlandon nia karmemora kaj noblanima samideano Luis Hernández, laŭ li manifestis al mi per entuziasmaj vortoj.

Estas bedaŭro, ke tiom da miloj kaj miloj da turistoj vizitas la andorajn valojn kun la nura celo profiti la avantaĝojn kiujn la potenca komerco tie establiĝinta proponas al la aĉetantoj. Oni devas agnoski ke ĝuste tiu komerco estas unu el la plej agrablaj logaĵoj de Andoro, sed sendube la konsciaj andoranoj devas amare rigardi kiel tia homa lavango paradas tra la lando sen intereso pri la veraj trezoroj de tiu digna nacio: ties spirito, ties moroj, ties modelaj institucioj.

Tial la legado de la verko de Bacquer estas ege rekomendinda: instrua kaj plezuriga por tiuj, kiuj jam vizitis Andoron, kaj por ĉiuj kiuj sentas scivolemon pri ĝi. Apenaŭ oni povas trovi riproĉojn por la teksto de la bele prezentita libreto: sendube kelkaj etaj eraroj pri la ĝustaj katalunlingvaj nomoj de andoraj lokoj kaj institucioj ŝuldiĝas al la originalo franclingva kaj ne al la modela traduko de Ribot.

DARIO RODRIGUEZ

Ricevitaj libroj kies recenzoj aperos en ontaj kajeroj de Boletín:

*ESPERANTA-PORTUGALA PROVERBARO.—Zamenhof-C. Fernandes.—AMO PER PROVERBOJ.—A. Azevedo. Tradukis C. Fernandes. Eldonis Liga Brasileira de Esperanto. Prezo: broŝ. 15 st. bind. 25 st.*

*LA SORTO DE LA HOMARO.—Martinus. El la dana tradukis Ib Schleicher. Verda tolo kun titolo kaj simbolo en ora surpreso. 112 paĝoj kun indekso. Eldonis la Instituto de Martinus. Mariendalsvej, 94-96. Kopenhago F. Danio. Prezo: 6'50 dkr.*

*SENNACIEGA REVUO. Nova Serio n.º 92. Jaro 1964. Eldonis kaj redaktis S. A. T. 67, Avenue Gambetta, Paris 20.*

*HAMLETO.—Reĝido de Danujo. Tradukis L. L. Zamenhof. Ilustraĵoj de McIntosh, Oka eldono. Editions Françaises D'Esperanto. Prezo (afrankite): ordinara papero 14 f. frankoj, luksa papero 17 f. frankoj.*

*SUB LA SIGNO DE LA VERDA STELO.—Diverslandaj personoj rakontas interesaĵojn el sia sperantista vivo. Eldonis Dansk Esperanto-forlag. Formato 15 × 21 cm. Kostas 6'5 dkr.*

*TOM KAJ TINA.—Internacia Esperanto Lernolibro por Infanoj. Ole Nederland. Eldonis Dansk Esperanto-Forlag. Broŝurita. 46 paĝoj. Prezo ne indikita.*

*NIA HISTORIO.—H. A. de Hoog. Eldonis K. E. L. I. (Kristana Esperantista Ligo Internacia) de 1911-1961. 160 paĝoj. Prezo: broŝ 18 st., bind. 22 st. Mendoj al Sro. A. v. de Land. Hogerbeetsstraat, 30, WASSENAAR. Nederlando.*

Pro nerekta sendo al nia sekretariejo, la plej granda parto el ĉi tiuj libroj alvenis tre malfrue ĉe nia redaktoro. Ĉar evitendaj malfruigoj ĝenas kaj la recenzantojn kaj la eldonistojn ni petas al ĉiuj niaj sendontoj atenti pri la adresoj de H. E. F. en dua paĝo de «Boletín». Libroj unuope ricevitaj meritos nur enlistigon.

## 4-a INTERNACIA KULTURA SEMAJNO EN "GRESILLON"

La 4-a Paska Kultura Semajno, sub la aŭspicioj de la Ministro pri Franca Edukado, okazos de la 7-a ĝis la 16-a de aprilo 1965 en la kastelo «Grésillon» — Baugé (Maine-et-Loire).

Eminentaj esperantistoj prelegos pri diversaj temoj precipe kulturaj, kaj praktikaj kursoj, ludoj, distraj vesperoj okazos dum tiu semajno.

Oni ankaŭ oferdonos, dum tiu epoko, senpagan restadon al 5 eksterlandanaj gejunuloj.

Petu klarigojn pri la kosto de la restado, kaj pri rabatiloj por la fervojoj ĉe:

Château de Grésillon — BAUGE (Maine-et-Loire) — France.

*René LLECH-WALTER,*
Prezidanto de Franca Unuiĝo
por Esperanto

## LIBROSERVO DE H. E. F.

Nepraj devigoj —kaj sekva tempomanko— de nia ĝisnuna Libroservanto, kune kun fakaj reorganizadoj de nia Federacio, motivis la translokigon de nia Libroservo al la sidejo de H. E. F. en Zaragoza.

De nun, duopo ŝarĝos sur sin la taskon plenumi la afablajn mendojn de niaj samideanoj: Fraŭ. I. Gastón, kaj Sro. N. L. Escartín kiuj atente atendas viajn mendojn ĉe la Sekretariejo de H. E. F. P.º Marina Moreno, n.º 35, 4.º dcha. Zaragoza.

# UNAMUNO

En la beletraj medioj, enlandaj k eksterlandaj, oni festas nun, la unuan jarcentan datrevenon de la naskiĝo de unu el la hispanaj intelektuloj plej famaj de ĉi lasta epoko; temas pri don Miguel de Unamuno.

Elstara personeco de universala projekcio en la kampo de la filozofio, Literaturo k Politiko, li estis ĉiam tre diskutata. Lia penso, profunda, lirika, pesimisma aŭ mistika, havis la virton ĉiam flamigi la pasiojn, skui la indiferentecon, vigligi la sentojn en ia ajn direkto. Li mem estis konstanta kontraŭdiro, jen kial floras en lia vivo, amikoj k malamikoj kiuj laŭdis lin ĝis la gloroj plej altaj, aŭ atakis k neis eĉ liaj virtoj plej maldiskuteblaj.

Politike, li batalis kontraŭ la diktatoreco de Primo de Rivera, ekziliĝis k efektive helpis restarigi la IIan respublikon, k fine aliĝis al la Naciisma Movado de militestro Franco.

Religie, montris en multaj verkoj, sian penson heterodoksan, formale malpermesitan de la Eklezio, sed apud tiuj, li havas verkojn kiel «El Cristo de Velázquez» kiu esprimas altan penson mistikan k religieman k jen tiel la du aspektoj, lumo k ombro, kiuj ĉiam akompanis lin: pensoj kiuj spegulis angulojn tre variajn k ofte eĉ kontraŭajn.

Profunda filozofo, li estis konsiderata kiel unu el la pensistoj plej eminentaj de lia spoko, sed en la tereno kie pli alte oni povas taksi lin estas kiel interpretisto de Don Kiĥoto. Neniu k neniam estis iu kiu kantis la glorojn de Don Kiĥoto k Sanĉo pli majstre ol Unamuno. La pensoj de la protagonistoj de Cervantes, eniĝis tiel fidele en la menso de Unamuno ke estis neeble distingi kie finis tiuj k kie komencis li mem. K tiele, Don Kiĥoto li ankaŭ, li strebis por aerumi la obskurajn angulojn de la lando, de la europaj kulturinfluoj k siafoje alporti al Europo la spiriton de la plej noblaj idealoj hispanaj. Estis senlaca batalanto kontraŭ la mizero k ĉiaj estigmoj de la hispana popolo, kiun li volis liberigi en arda lukto kiu nur finis kiam li mem forpasis.

Kun eraroj k malvirtoj, kiel ĉiu homo, sed ankaŭ kun la forto k altaj kvalitoj de la eksterordinaraj figuroj, Unamuno estis idealisto kies streboj neniu povas ignori, k malpli ol aliaj la hispanoj.

En lia jarcenta naskiĝa datreveno: ¡Saluton do, al la memoro de tiu Nova Don Kiĥoto!

MARKUS

## BIBLIOTECA Y ARCHIVO DE H. E. F.

Con íntima satisfacción comunicamos a nuestros miembros la reciente creación de la biblioteca y archivos de H. E. F.

Nuestros comienzos son humildes. No poseemos sino el pequeño número de libros recibidos para reseñas desde el traslado de la Federación a Zaragoza, pero esperamos la colaboración de todos nuestros «samideanos» para que con el tiempo nuestros deseos se concreten y H. E. F. disponga de una biblioteca adecuada a su categoría de Federación nacional.

Por ello, cualquier donación —por humilde que sea— en forma de libros, revistas, folletos, prospectos, documentos y objetos de valor esperantista, así como donaciones en metálico para compra de libros, contribuirá al enriquecimiento de este instrumento cultural de la Federación y recibirá especial mención en «Boletín».

Envíos a: Secretaría de H. E. F. Paseo de Marina Moreno, 35, cuarto derecha. ZARAGOZA.

# VIVO KAJ ĜOJO

*Gabriel MORA ARANA*

Laŭdkanti mi volas ĝojadon pri l' vivo,
prenante devizan lazuran helecon
de kiam aŭroro fariĝas motivo
de noblaj esperoj medlantaj hom-decon.

Tutcerte, la vivo koncernas batalon,
sed venko, ne ĉiam pleniĝas je gloro:
tre ofte mielo ŝanĝiĝas en galon.
Prizorgu dorlote ni ĝojon de l' koro!

La vojo de niaj plej karaj deziroj,
ne trafe rektiras, se perdas la nordon
dum nokt' de obstino kaj vanaj sopiroj,
— aŭ foratentante vokantan remordon.

Bonfarton flegadu ni per optimismo
— sunbrilo el fonto de sanotrezoro.
(Eliras tiele lumstrio el prismo.)
Prizorgu dorlote ni ĝojon de l' koro!

La floroj kaj birdoj, pluvarko, falstelo...,
al homoj instruas, kun ĉarm' paradiza,
la veron profundan kaj ritan de l' belo,
laŭ plena bonordo natura — iriza.

Labori kaj ami: jen klare, l' ekzemploj
de l' suno, de l' grundo... de l' Dia dejoro.
Ni vivu amante: ni estu am-temploj.
Prizorgu dorlote ni ĝojon de l' koro!

La homa vivado, el nur kvar sezonoj,
kapablas fruktiĝi konstante, je amo.
El laŭro-promeso, plektiĝas glorkronoj
por ĉiu bonvolo — rubeno kaj flamo.

Ni fidu humile al vol' de l' destino;
al hejm' apartenas transcenda honoro:
la vivo *transdona* kun saĝ' de l' edzino.
Prizorgu dorlote ni ĝojon de l' koro!

Vi estas ho vivo, plejsankta donaco
— ĉar homo posedas senmortan animon!
Jen, ŝpruco: la ŝanco, per pov' de la graco
koninte la mondon, trafendi senlimon.

Spiritan trankvilon ni regu per ŝatoj
al forto serena, kaj malgraŭ doloro.
Ni ĝuu pacvivon de veraj homfratoj.
PRIZORGU DORLOTE NI ĜOJON DE L' KORO!

Tip. C. Boloix - Armas, 72 - Zaragoza

D. L. Z. - 375 - 63